# Radio Spiko

8

## Giacomo Kasanova, ĉu la fama Don Juano?

5

7

## La fina venko, letero skribita en alia realaĵo.

## Ĉu vi estas vegano?

3



FANZERANTO


Jaro 7 - Numero 10

Poŭzalegro

Minas-Ĝerajso

Brazilo

Septembro - 2016



Saluton karaj!

Finfine ni alvenis al la deka numero, sep jaroj kaj nur dek numeroj, ne estas bonaj nombroj, ni ja scias, sed ni ne malaperis, tio jam estas bona afero por esti feliĉa. Ni ankoraŭ atendas viajn novaĵojn, ni bezonas viajn novaĵojn, viajn artikoletojn, viajn bildojn kaj ĉion, kion vi volas sendi al ni. Ni volas aperigi viajn aferojn ĉi tie en nia revueto, sendu viajn artikolojn, novaĵojn, bildojn kaj historiojn al ni, ni atendas tion. Sendu ĉion al **esperanton@gmail.com**

En ĉi tiu numero ni havas kelkajn novaĵojn, la unua estos la kolumno pri veganaj receptoj (ĝi fikse aperos en la venontaj eldonoj), bongustaj kaj tutsanaj manĝaĵoj. Ankaŭ ni legos pri ege interesa rakonteto pri la Fina Venko en alia realaĵo. Ni scios iom pli pri la historio de la fama Don Juano kaj fine ni estos informataj pri Radio Spiko. Do, bonan legadon kaj ĝis la venonta fojo!

## Enhavo



Mondalingvo PROJEKTNESTO

SEKRETA FRATARO DE LA ESPERANTISTOJ

esperanta ambasadejo

FANZERANTO

Jaro 7 - Numero 10

Direktoro: Fábio Silva

Diagramado: Projektnesto Monda Lingvo

Bildoj: OpenClipart kaj OpenVector

Revizio: Antônio Carlos de Moreira Mederos kaj Andy Hernandez Martínez

Ankaŭ helpis nin en ĉi tiu eldono: Everton Linhares, Sylvain-René de la Verdière, Andy Hernandez Martínez kaj Viktor Varzari.

Fanzeranto estas sendependa organo; la opinioj de niaj kunlaborantoj **ne ĉiam** spegulas la niajn.

**Kelkaj tekstoj ne estas ĝustigitaj, ĉar la aŭtoroj ne volas aŭ ne permesas nin fari tion, ni respektas tion.**

esperanton@gmail.com




# Ĉu vi estas vegano?

**Andy Hernandez Martínez**

Ĉu vi estas vegano? Eble ne, sed verŝajne vi konas kelkajn veganojn ĉar en Esperantujo estas pli da ili ol ekstere! Por kompreni rapide la aferon, mi diros ke la vorto 'veganismo' estas elpensaĵo de brito nomata Watson en 1944, ĝi ekzistas de tiu dato por nomi la striktajn vegetaranojn. Veganismo estas vivstilo, etiko, filozofio, politika kaj morala vidpunkto laŭ kiu ĉiuj animaloj (t.e. bestoj kaj homoj) havas rajton je digna kaj deca vivo kaj ni devas respekti ilian vivon. Veganismo estas justeco. Surbaze de tio, veganoj kreis tutmonde reton de vendejoj, restoracioj, hoteloj, literaturo, festivaloj kaj aliaj aferoj rilate al veganismo kaj ofte kun rilato al ekologio kaj justa komerco. Veganoj, samkiel esperantistoj, emas kaj strebas al la diskonigado de sia afero kaj veganigas ĉion eblan por plibonigi la vivon de bestoj kaj savi la planedon el la poluado, klimatŝanĝiĝo kaj amasmurdado de aliaj specioj. En Esperantujo vi trovos la retpaĝaron www.veganarto.net kiu okupiĝas pri veganismo kaj en multaj renkontiĝoj, ĉefe eŭropaj, veganaj esperantistoj organizas vizitojn al restoracioj ktp.

***Donald Watson***



# Veganaj Receptoj

**Andy Hernandez Martínez**

***Vegana manĝaĵo tre bongustas, tial, mi volas montri ĉiunumere recepton de tradiciaj manĝaĵoj sed veganaj!***

## Burgeroj el nigraj fazeoloj

**Ingrediencoj:**

1 1/2 taso da nigraj fazeoloj (degutitaj).
1 taso da basmati-rizo (aŭ alia).
2 tasoj da raspita pano.
5 kuleroj da olivoleo.
1 eta cepo fajne tranĉita.
4 ajleroj.
2 kuleroj da tomatsaŭco.
kulereto da kurkumo.
1 mezgranda ruĝa kapsiko, fajne tranĉita.
duonkulero da pulvorigita kumino.
salo.
pika saŭco (ekz Tabasko).

**Preparmaniero:**

1- Varmigi kuleron la oleo en la fritilo kaj aldoni la cepon, kapsikon kaj la ajlerojn. Ofte kirletu ĝin ĝis ili estu kuiritaj, pli malpli dum ok minutoj kaj sekve aldonu la kuminon, kurkumon kaj pikan saŭcon.

2- En aparta ujo miksu la rizon kaj fazeolojn kaj premu por ke ĝi iĝus sameca pasto kaj dume aldonu iom post iom la raspitan panon. Spicu ĝin per salo, pika saŭco kaj papriko laŭplaĉe. Aldonu al ĝi ankaŭ la kuiraĵon antaŭe faritan.

3- Varmigu oleon en bona fritilo (al kiu ne algluiĝu fritaĵoj) kaj per viaj manoj prenu pecojn de la pasto, donu al ĝi burgeran formon kaj fritu dum tri aŭ kvar minutoj.

Servu ĝin en pano, kun laktukoj, cepo, mustardo ktp kaj vi ĝuos veran delicon!



**Viktor Varzari**

# Giacomo Kasanova, Ĉu la fama Don Juano?

## "...Tumulto alportas al ni nur la gloron" (G. Byron).

Don Juano (Sinjoro Juano), tiu nomo nepre asociiĝas por ni kun plezurdamoj, amindumantoj, diboĉuloj ktp. Sed, se Giacomo Kasanova estas historia gravulo, kiu skribis aplomban memorlibron pri siaj amo-aventuroj, koncerne Don Juanon la situacio estis alia.

Ekzistis malnova hispana legendo pri Don Juano. Li estis malĉasta kavaliro, vivinta en la 14-a jarcento. Liaj aĉaj aventuroj konsternis la loĝantaron, des pli, ke lin subtenis la reĝo, same malĉasta. La fiaventuroj de Don Juano daŭris, ĝis mortigis lin hispana komandoro.

Bedaŭrinde, mi ne sukcesis konatiĝi kun la legendo, ĉar povis ĝin akiri nek filologoj, nek eĉ hispanaj amikoj.

Estas mirinda afero, sed en la literaturo ekzistis ankoraŭ unu vera Don Juano. Temas pri la hispana grafo Miguel de Maniaro. Li vivis en la 17-a jarcento. Lian vivon detale esploris laŭ diversaj dokumentoj kaj aliaj fontoj la ĉeĥa verkisto Jozef Toman.

Miguel de Maniaro apartenis al la riĉega familio el Andaluzio. Dum sia juneco li decidis memkonfirmiĝi, elektinte por tio la vojon de diboĉo kaj malĉasto. Tamen post la persona tragedio li ĉesis diboĉi, komencis helpi malsanulojn kaj malriĉulojn. En la monaĥejo de Sevilo li aranĝis malsanulejon. Tie li plenumis malfacilan laboron: preparis manĝaĵojn, kuracilojn, lavis malsanulojn, purigis la ejojn, memstare faris ligaturojn kaj purigis vundputraĵojn.



*La Don Giovanni de Mozart. Bildo de Max Slevogt, 1912.*

Li forpasis, savante la samurbanojn de la kruela nigra pesto.

En sia testamento, Miguel petis enterigi lin kiel grandan pekulon, apud la sojlo de monaĥejo. Sed la grandanimaj loĝantoj ege protestis petante enterigi lin apud la altaro. Mirinde, ke la malsanulejo, konstruita de Miguel Maniaro konserviĝis ĝis la tridekaj jaroj de la pasinta jarcento.

Sed, verdire, ne nobla Miguel de Maniaro altiris la atenton de la verkistoj, poetoj, dramverkistoj kaj komponistoj.

Unue sin turnis al la malnova hispana legendo la hispana dramverkisto Gabriel Téllez, kiu skribis sub la kaŝnomo Tirso de Molina. Li sufiĉe sukcese miksis la tragikan kaj komikan, kiel faris lia amata instruisto Lope de Vega. En 1630 li verkis la komedion pri sevila diboĉulo Don Juano. Subite la komedio de Tirso de Molina fariĝis ege populara. Samtempanoj ekvidis en Don Juano la impertinentulon kaj liberpensulon, kiu ribelis sin kontraŭ la agresema inkvizicio. Multajn prozojn kaj dramverkistojn la bildo de Don Juano ege allogis ĝuste pro tio. Ili plezure uzis tiun subjekton kiel heroon de siaj verkoj, aldonante la aliajn personojn, kiuj strebis al flirto, diboĉo kaj amindumado. Mi povas rememorigi al vi, ekzemple, Obri el Burgundio, Rolandon, Robertono kaj multajn aliajn. Unuvorte, en diversaj landoj la figuro de Don Juano havis propran specimenon de senmoraleco kaj malprudenta kuraĝeco.

La moroj tamen kun tempopaso ŝanĝiĝis, kaj la figuro de nia heroo en la monda literaturo fariĝis pli alloga, kaj finfine la persono de la sevila legendo iĝis ege populara. Prilaborita tiamaniere la komedio de Tirso de Molina havis furoran sukceson en Italio, Germanio, Francio.

La fama franca dramverkisto Molliere foje riskis forpreni de nia heroo distingajn trajtojn de hispana deveno kaj enkondukis la francan koloriton de tiu tempo. Poste sammaniere refaris la, legendon ankaŭ Cornell, Shadvel kaj aliaj. Estas mirinde, ke en tiuj verkoj la servistoj ofte iĝis pli gravaj, ol Don Juano mem. Ekzistas ĉirkaŭ 250 Don Juanoj en literaturaj verkoj. La herooj havis proprajn morojn, idealojn. Inter ili estis bonaj kaj malbonaj homoj, ekzistis eĉ iu virino Sinjorino Juana.

Ankaŭ komponistoj kreis muzikaĵojn, dediĉitajn al la sevila flirtulo. Mi menciu nur kelkajn pli famajn el ili. Temas pri Telie, Gluck, Riccini, Tritto, Albertini, sed, sendube, la opero de Mozart estis kaj ĉiam estos la plej alloga, la plej bela el ĉiuj tiutemaj komponaĵoj. La libreton skribis Da Ponti laŭ verkoj de Zamoro.

Kiel vi certe scias, en la rusa literaturo al la figuro de Don Juano sin turnis A. S. Puŝkin. Temas pri la poemo "La ŝtona gasto". La komponisto M. Dargomiĵskij verkis la operon "Don Juano" laŭ la menciita verko.

Pasis jam kelkaj jarcentoj, tamen sevilanoj honoras la memoron pri sia fama samurbano Don Juano, des pli, ke ĝuste en Sevilo loĝis la ciganino Carmen kaj la sevila barbisto. La urbanoj instalis la fandferan monumenton al Don Juano, sed por eternigi la literaturan rolulon ili uzis la figuron de la grafo Miguel de Maniaro.

Estas interese, ke ĝis nun konserviĝis lia domo. Oni diras, ke ĉe ĝia fenestro la amindumulo arde kisis la manon de sinjorino Innes. Apud la domo Miguel duelis. Kaj ankaŭ nun la enamiĝintaj paroj preferas sin interkisadi sur la ŝtuparo de la domo, kiu apartenis iam al Don Juano, aŭ, pli ĝuste, al lia prototipo. Bona kutimo, ĉu ne?

La Fina Venko

Sylvain-René de la Verdière

# letero skribita en alia realaĵo

*Fraĉjo,*

*Hodiaŭ estas granda tago ĉi-tie! Vi scias ke ekde kelkaj jaroj (ekde la fino de la Sovetunio je 1991 precize) mi kunlaboris kun la esperantistaro por unuigi la popolojn, precipe la eŭropajn civitanojn. Bedaŭrinde via lando (ni nomas ĝin "la Enklavo", ĉu mi jam diris tion al vi?) ĉiam repuŝis ĉion, kion la libera Eŭropo proponis kaj daŭrigas sin enfermi en sia propra dekadenco.*
*Sed nun nia lingvo iĝis eŭropa lingvo uzata en internaciaj komunikadoj! Eĉ la eks-Sovetunio adoptis ĝin, ĉu vi povas kredi tion?*
*Jes, vi bone legis, ni sukcesis! Oh, fraĉjo! Kiel mi ŝatus havi vin apud mi por ĝui tiun momenton!*
*Kelkfoje mi sonĝas ke vi neniam aliris tien, ke ni povas skribi kaj vidi nin interrete kvazaŭ la muro neniam ekzistis. Mi sonĝas pri nia familio sed ĉiam, tranĉita el betono vi mutas. Kaj panjo doloranta ploras. Mi dezirus scii kiel via vizaĝo aspektas... Ĉu ĝi ankoraŭ similas al la mia? Ĉu ni ankoraŭ estas ĝemeloj?*
*Ne malkuraĝiĝu, frato, ĉar baldaŭ vi liberiĝos! Ni faligos tiun aĉan muron! Nur kelkaj pli semajnoj kaj ĉio estos pretigita por ekagi. Prepariĝu vidi la feran kurtenon fleksiĝitan, ĉar la verdaj soldatoj estas superfalontaj ĝin!*

*Via frato,*
*S.-R.*
*PS: Bonvolu ne forgesi bruligi tiun leteron. Nia amiko riskas sian vivon, transdonante ĝin al vi.*

**Andy Hernandez Martínez**

# *Nova podkasto en esperanto*

Dum multaj jaroj, kiam mi apenaŭ aŭdis esperanton, nur vidis librojn kaj malnovajn revuojn, mi revis pri radioelsendoj esperantlingvaj kiujn mi povus atingi sed tio tute ne eblis eĉ se Radio Havano Kubo tion faras ĉiudimanĉe matene dum duonhoro. Ĝi mem celas la eksterlandon tial do, kelkfoje mi sukcesis aŭskulti nur la hispanlingvan anoncon pri la esperantlingvaj elsendoj kaj la unuaj du aŭ tri minutojn de ĝi. Poste mi ekricevis aktualajn numerojn de gravaj revuoj en nia lingvo kaj tie mi informiĝis pri la fenomeno nomata 'podkasto'.

En Kubo estas neimageble krei sian propran podkaston sed jam tie antaŭvidante ke mia foriro proksimiĝas, mi eĉ skizis kiel ĝi estus sed poste la vivo postulas de vi aliajn aĵojn kaj mi ne plu zorgis pri ĝi. Antaŭ ĉirkaŭ tri jaroj mi kontribuis per intervjuoj al Muzaiko, sed tia kontribuo vere estis mallonga ĉar tiam mi estis plenŝtopita de vikipedia laboro ĉar mi estas administranto en nia esperanto-vikipedio. Jam en pasinta jaro, pro kreado de la retpaĝaro nomata VeganArto.net mi denove ekhavis la ideon, aŭ pli bone, revivigis ĝin, por la kreo de bunta podkasto kiu tuŝu tiklajn tempojn pri politiko, humanismo, ekologio, veganismo, esperanto kaj ĉio rilate al ĝi kaj ties movado kaj ankaŭ pri banalaj aferoj.

La podkasto jam havas nomon, ĝi nomiĝos Radio Spiko.

En mia kapo pluraj ideoj rondiris sed fine mi decidis ĝin pro simpla afero: Mi volas krei podkaston kun centra ideo sed kun diversaj temoj samkiel la tigo de la spiko kaj ĝiaj floroj. Krome, Spiko estas nomo de stelo kaj nia simbolo esperanta estas stelo kaj trie eĉ neniam uzata, 'spiko' iel similas al angla dialekto de esperanto por diri 'paroli'. "Ĉu vi spikas esperanton?"

Podkastoj de Radio Spiko esperеble aperos minimume unu fojon monate sed en kelkaj monatoj ĝi povus aperi eĉ du fojojn kaj okaze de aranĝoj aŭ festotagoj eblus fari specialan programon. Kvankam la daŭro de ĉiu elsendo ne estus pli ol 15-20 minutoj, oni bezonas tempon, kreemon, scion kaj paciencon por verki la tekstojn, kontakti la amikojn kiuj afable partoprenos, sonregistri, munti ĉion kaj enretigi. Tio postulas tempon kaj mi esperas transsalti tiujn ĉi barojn kaj doni al vi bonan kaj interesan podkaston!
Fine, mi dankos vin ĉiujn kiuj volos aŭskulti ĝin kaj ankaŭ speciale danki Pietron von Herts kiu dizajnis la logoon por la podkasto :)